# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO, NOVZELANDO KAJ PETANTOJ**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

**PLENUMITA 03/05/2018 Tricentsepdekdua eldono (unua eldono 20/09/2011)**

SENDITA AL 325. La informa kaj noma paĝoj reaperos nur kun la dekaj eldonoj



Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;

**Ĉiuj tagaj ligoj al informaĵaj paĝoj uzindaj, helppretaj al Esperantistoj**

*reta-vortaro *Freelang Vortaro *Plena Ilustrita Vortaro * Esperanta Retradio *Google Translate *Pasintaj eldonoj*

Ctrl+klaku ligojn por kapabligi la malfermon. Kutime, sed ne ĉiam, la ligoj havas verdetan koloron

Oni povas meti sian nomon, retadreson, urbon kaj landon al la listo de ricevantoj. rspring@tpg.com.au

## Ĝis nun 1,670,000 lernantoj ekstudis Esperanton per Duolingo



Ekstudis pli ol 1,310,000 lernantoj per la angla lingvo. (Ekde Majo 2015)

Ekstudis pli ol 360,000 lernantoj per la hispana lingvo. (Ekde Oktobro 2016)

Ekstudis pli ol 2 lernantoj per la portugala lingvo. (Ekde Majo 2018)

https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Gramatika serio “La Verbo en P.A.G.”.

### N.ro 26 ( La Plena Analiza Gramatiko de Waringhien kaj Kalocsay) .



Pri la mediala voĉo PAG malbone klarigas, kvazaŭ en ĝi la objekto estas samtempe la subjekto. Kontraŭe: la medialo ne havas objekton, sed pro tiu ideo la verkistoj france juĝas ĝin simila al la refleksivo. En la franca lingvo la medialo ja ofte esprimatas per antikva refleksivo kiel ekzemple “*s’arrêter*”. Do ne mirindas, ke la francaj Esperantistoj kelkfoje uzas la medialon por la refleksivo. PAG tiel klarigas, ke la medialo “faras la agon pri si mem”, kio malĝustas. La fakto estas, ke en la medialo oni unue rigardas al la objekto de antaŭa aktiva ago, kaj sekve diras kiun pasivan agon ĝi suferas, kvazaŭ iu nemenciata kaj ne konata aganto kaŭzus ĝin sed ne menciatas. En la medialo oni do rigardas kaj priskribas en kontraŭa vicordo la lastajn du partojn de antaŭe aktiva bildo. En la frazo “La viro batas la hundon” oni en la medialo unue vidas kaj mencias la hundon kaj post tio ne pli ol la nun pasivan agon kvazaŭ kaŭzatan de io aŭ iu pri kio aŭ pri kiu ni nenion scias.




*Marcel Leereveld*



# La Manlia Esperanto-Klubo







Anoj kunvenas la unuan kaj trian sabatojn je la 10atm. Bavarian Beer Café, Manly Wharf. Unu taso da klubpagita kafo atendos vin.

La 5a de Majo estas la unua sabato. Venu! *Roger Springer*



## Pri AE371 Reago al la artikolo de Marcel -- la angla verbo "*get*",

Kun intereso legis mi la diversajn tradukojn de la angla verbo "*get*", lau ties diversaj signifoj en la frazaro proponita de Marcel.

Sed surprizis min ke li proponas traduki la frazon "*Also the others got back in time* " tiele " Ankaŭ la aliaj revenis ĝustOtempe. Laŭ mia memoro de kursoj gvidataj de Marcel en somerkursaroj okazigitaj de AEA, Marcel insistis ke "reveni" en tiu kazo estas francismo. La subjekto ne venas duan fojon, sed iras al sia deirpunkto. Do la ĝusta traduko devas esti "retrovenis" "Ankaŭ la aliaj retrovenis ĝustOtempe" Mi emfazas la "o" en ĝustotempe kvankam mi pro kutimo verŝajne dirus "ĝustatempe". Sed la vokalo uzata por ligi du vortojn en kumetaĵo estu ankaŭ kaj pli ofte "O".



*Franciska Toubale*



### LA UNUAJ DEK-KVIN PROPONATAJ TRADUKOJ DE *"TO GET"*: AE371

"*to get*". Jen dosiero kun mallonga kontribuo

Peter Benson, en sia vortaro, havas longan sekcion pri "*get*" kun multaj ekzemploj. Do mi proponas la jenajn alternativajn tradukojn bazitajn sur tiuj ekzemploj.

8) *before we got away home* >>> antaŭ ol ni foriris hejmen

10) *When we got down to the beach* >>> Kiam ni atingis la plaĝon (Notu: oni ofte diras "down" eĉ kiam la du lokoj estas samnivelaj, ekzemple: *they went down the street >>> ili iris laŭ la strato.)*

14) *We got on very well* >>> Ni pace interrilatis.

15) *until we got off our horses* >>> ĝis ni elseliĝis de niaj ĉevaloj. *Donald Rogers*



## Pri AE371 *Hygge kaj Paul Gorny*



La diskuto pri la dana *hygge* memorigas min pri la germana vorto *gemütlich,* kiu defias tradukon en aliajn lingvojn. Kelkaj esperantistoj proponis "gemuta", sed tio ne ĝeneraliĝis. Ŝajnas al mi, ke *hygge* kaj *gemütlich* esprimas la saman koncepton. Ni devas akcepti, ke en ĉiu lingvo estas vortoj, kiujn oni ne povas plene traduki.

Mi esprimas mian kondolencon al parencoj de Paul Gorny, kiu iam tre aktivis en nia movado.

Amike, *Trevor Steele*



# KONCERNE *HYGGE:*

Karaj Bob kaj Peter

Mi legis kun plezuro viajn respondojn kaj tre sincere vin dankas.

Petro: via honesta, pensema kaj pensinstiga klarigo vere min surprizis, ĉar mi ja kredis (la miton?) kiun mi legis, ke la Danoj estas la plej feliĉaj homoj sur la planedo.

Mi tradukis vian leteron por mia ne-Esperantopova edzo, kiu memorigis min, ke en 1973 dum mallonga vizito al Danujo ni kaj niaj du tiam-etulinoj biciklis dum la tago tra la parko de la reĝo en Kopenhago, kie fakte ja sterniĝis pluraj plene ebriaj junuloj.

(Parenteze, la praavo de mia edzo estis Dano, al kiu oni donis sufiĉe da mono por foriri kaj resti en Aŭstralio, ĉar verŝajne li estis filo de reĝfamilio - sed ne de geedziĝo! - kaj ni supozas, ke tiele oni povis "*en la nomo de harmonio prisilenti la problemon*"! Tiu viro geedziĝis kun irlanda junulino el Dublino - kiu ankaŭ estis establita de la Vikingoj. Do, ne surprize, mia nun grizulo estis iam vere blondulo.)

Ja por mi estis agrable ricevi opinion pri *hygge* de leganto de nia "AE" loĝante tiom distance for de kaj Sidnejo kaj Perto! Kara Petro, dankante vin refoje, mi finu per la observado, ke memcentrismo, egoismo, avareco, moralomalforteco, indiferenteco kaj ĉiuj el la ceteraj homaj malagrablaĵoj ne estas limigitaj al via lando, sed endemiaj al ĉiuj popoloj de la mondo. Feliĉe, ankaŭ troviĝas ĉie homoj kun belaj, pozitivaj trajtoj. Iom hezite mi aldonu: precipe en Esperantujo.

Ni laboru kaj esperu *Vera Payne*



# Ĝardenagrabloj .



## IOM PLI PRI "HYGGE".

Anglolingvanoj ne kapablas prononci la danan vorton "hygge", ĉar la angloj ne rondigas la lipoparon kiam ili prononcas la sonojn de la Esperanta litero "u". En aliaj lingvoj kutime ekzistas du specoj de "u": ĉe la unua oni puŝas la pinton de la lango al la dentoj sen tuŝi ilin, kiel en la franca prepozicio "*sur*", kaj ĉe la dua oni tiras la langon en la gorĝon, kiel en la franca adjektivo "*sourd*". En ambaŭ kazoj oni firme rondigas la lipoparon. Por la Esperanta litero "u" Zamenhof konsilas la duan sonon, la francan en "*sourd*", sed miskompreno ne povas okazi ĉar Zamenhof klere ne inkluzivigis literon kun la sono de la franca "*sur*", kiu sono en Esperanto do akceptatas kiel la franca "*sourd*". La litero "*y*" en "*hygge*", trea agrableco, reprezentas la sonon "u" en la franca "*sur*"; la vorto estas substantivo; ĝia adjektivo estas "*hyggelig*(*t*)", tre agrabla aŭ plezurega. Kiam Peter menciis "*hygget*", ĝi signifas "la agrableco", ĉar en la skandinavaj lingvoj ekzistas la interesa fenomeno ke oni ofte uzas la nedifinan artikolon, "*en*" aŭ "*et*", kiel sufikson por indiki la difinan artikolon; do "*hygget*" estas "la agrableco" kaj "haven" estas "la ĝardeno", el "en have" = iu ĝardeno. Ankaŭ kelkaj aliaj lingvoj havas specialan vorton por indiki tiun specialan senton, sed kun nuanca diferenco de signifo. Dum ekzemple la dana vorto indikas, laŭ la ekzemplo de Bob, ankaŭ la agrablecon de

cirkonstancoj kiel la aspekto de ĉambro, la nederlanda ekvivalento, "*gezellig*", neniam faras tion kaj koncernas nur la agrablecon inter homoj. Por nederlandanoj la "*gezelligheid*", trea agrableco, ĉeestas nur se kunvenintaj homoj ĝuas unu la alian kaj havas grandan "kunagrablecon". La angloj kaj la francoj kaj aliaj ne havas specialan vorton por tiu forta sento, kaj trovas malfacila traduki en siajn lingvojn la danan "*hygge*" aŭ la nederlandan "*gezelligheid*". Kiel Peter menciis, por tia vorto estas tre malfacila trovi Esperantan tradukon. Sed ĉiuj lingvoj havas specialajn vortojn, kulturajn, kiuj en aliaj lingvoj malfacile tradukeblas, ekzemple la aŭstraliaj esprimoj "*a fair go*" kaj "*fair enough*".

*Marcel Leereveld.*

P.s: La skandinavaj lingvoj havas kroman gramatikan interesaĵon: Ili havas ekstran unuvortan pasivan voĉon; ĝi aldonas al la aktiva verbo la finaĵon "*-s*" (aŭ "*-es*") same kiel ni en moderna Esperanto aldonas la sufikson "-ati" al la aktiva formo; do norvegaj "*jeg skuffes* (mi malkontentigatas) kaj "*jeg skuffedes*" (mi malkontentigatis). *M. L.,*

## EKZISTAS SES NIVELOJ DA EKZAMENOJ.

La celo de ekzamenoj estas eltrovi por kiuj funkcioj taŭgas certaj kapabloj kaj scioj. Por lingvoj tio signifas eltrovi kiom flue kaj senerare persono kapablas paroli aŭ skribi la lingvon, aŭ ambaŭ. Kaj ju pli kapabla en la uzo de lingvo, des pli kapabla oni estas en la pasiva kompreno de la parolata aŭ skribita lingvo.

En plej multaj kazoj lernantoj de fremda lingvo uzas la fremdan lingvon por diskuti pri malkomplikaj temoj. Same kiel en la gepatra lingvo ekzistas miloj da lingvoniveloj depende de la cirkonstancoj en kiuj vivas homo, same tiel en la uzo de fremda lingvo ekzistas grado de kapableco necesa por io. Kiam ni vojaĝas eksterlande, la valoro de la kono de fremda lingvo dependas de la kvanto de vortoj uzendaj kaj iomete de la gramatikaj eraroj.

Se oni en nia lando observas la uzon ante la anglan ate de enmigrantoj, oni rimarkas ke en la kunestado ili faras multajn gramatikajn erarojn kaj prononcas erare; la valoro de ilia uzado ne necese dependas multe de la nombro de eraroj sed pleje de la kvanto de anglaj vortoj uzataj de ili. La samo okazas al aŭstraliaj vojaĝantoj en Indonezio. La eraroj ne multe gravas, sed precipe gravas la nombro de uzataj vortoj kaj esprimoj.

Tiu fakto ke plej utilas la nombro de fremdaj vortoj konataj kaj ne la nombro de eraroj faratj donis al mi la ideon, ke devas ekzisti ekzamenoj en kiuj la ekzamenistoj valorigas precipe la kapablecon komprene uzi Esperantajn vortojn pli ol povi eviti gramatikajn erarojn. La ekzamenoj do devas speguli kaj valorigi tiun kapablon interkomuniki en Esperanto per la kono de vortoj pli ol per la aplikado ante gramatikajn regulojn. Por fari tion mi verkis Esperanto-ekzamenon en kies skriba parto mi donis poentojn por ĉiuj diferencaj vortoj uzataj, kaj nur unufoje por ĉiu ĝusta vorto. Mi donis poentojn ankaŭ por ĝusta uzo de gramatikaj reguloj. Mi nenie forprenis poenton pro gramatika eraro. Konsekvence mi kalkulis la bonajn vortojn kaj forgesis pri la malbonaj.

Post eksperimentoj pri la nova ekzameno en la melburna klubo, mi verkis tri malsamnivelajn ekzamenojn, la Bazan, la Mezan, kaj la Altan. Mi konvinkis la plejmulton de la Ekzamena Komitato, kies prezidanto mi estis, por aldoni la tri novajn ekzamenojn al la tri jam

ekzistantaj, en kiuj lastaj oni kalkulas nur la erarojn, laŭ la kutima procedo en lernejoj. La novaj ekzamenoj fariĝis tre popularaj en A.E.A.: en multaj jaroj ni havis kandidatojn en la A.E.A.-kongresoj kaj en Somerkursaroj. Por ĉiu el la tri mi verkis libreton kun konsiloj, kaj kun klarigoj pri la gramatiko necesa por ĉiu nivelo. Mi ankaŭ eldonis libreton kun la vortaro bezonata scii por la Baza kaj alian por la Meza. Nur la vortoj en tiuj vortaroj aperis en la ekzamenoj. Do teorie ĉiu kandidato povis kaj devis akiri centprocentan rezulton, sed mi fiksis la sukcesprocentaĵon je 80%. Se ekzamenato ricevis malpli ol 80%, ŝi/li malsukcesis kaj ne rajtis fari pli altnivelan ekzamenon. Sed malmultaj malsukcesis, ĉar oni sciis antaŭe kiuj vortoj kaj kiuj gramatikaĵoj povas esti en la ekzameno, kiu do estis forta instigilo studi la lingvon, kaj plustudi por unu el la sekvontaj. En la gvidlibretoj troviĝis ankaŭ provekzameno. Tiuj gvidlibretoj kaj vortaretoj ankoraŭ haveblas ĉe la Melburna Esperanto-Asocio. Post mia elĵeto el A.E.A. kaj do ankaŭ el la Ekzamena Komitato tiuj alternativaj ekzamenoj ne plu organizatis, sed ili neniam oficiale malvalidigatis. *Marcel Leereveld.*



# Salutojn el Kanbero

Antaŭ nelonge Petro renkontis la estimatan Esperantistinon Diano Lukes, antaŭa loĝantino de Toowoomba, če la Baha'i Centro en Freša . Estis feliĉa okazaĵo.

*Petro Danzer*



# El Adelajdo



Dum la 25-a de aprilo estis en Adelajdo tre bela vetero. La lokaj esperantistoj ĝuis ĝin promenante en la botanika ĝardeno Wittunga. Post la lunĉo oni vizitis la tombon de sciencisto kaj Antarktika esploristo Douglas Mawson. La ekskurso estis agrable finita per kafumado-kukumado en la Bahaa inform-centro de la antaŭurbo Brighton.



Trevor Steele babilas kun Eddie kaj Amin Desailly



Eileen Jones ĉe la tombo de Douglas Mawson

Piknika lunĉo

Katja Steele



# Milito estas terura krimo kontraŭ la Homaro



Jen kelkaj el miaj pensoj leginte la gazeton kaj spektinte la televidon merkredon la 25an de aprilo:

Kompreneble estas nature ke oni pripensas siajn karulojn, kiuj trovis nemerititan morton en milito, kiun ili ne deziris kaj ne kreis. Sed kiuj deziregis kaj fikreis la militon? Certe ne la familioj de tiuj, kiuj perdis siajn vivojn por ke riĉeguloj kaj regemuloj povu daŭrigi siajn vivojn en eĉ pli da lukso kaj riĉeco? Tiuj, kiuj ne partoprenas la militon, sed anstataŭe, same kiel la nazioj en la 2a mondmilito, ĉu ne? devigis ne nur judojn, sed ankaŭ milojn da aliaj pacamaj kaj amindaj homoj iradi antaŭen en la gasĉambrojn de la nazioj. Tie ili mortis, kiel vi ĉiuj scias!

Estas konate, ke milito estas terura krimo kontraŭ la homaro, do kial tiuj, kiuj juĝas nin, neniam ĉesas fari novan militon? Kial ili subtenas la militojn? Ili sublenas militojn samtempe punante malriĉulojn, se unu el ili mortigas iun sur la stratoj.

Membroj de registaroj de ĉiuj landoj neniam iras kontraŭleĝe en ies landon por detrui ĝin. Sed ili ŝajnigas sin malĝojaj post la morto de tiom multe pli ol milionoj da junaj senkulpaj viroj, kiuj devis perdi siajn vivojn nur por ke la riĉeguloj povu fariĝi eĉ multe pli riĉaj! Kaj ne nur la riĉeguloj, sed ankaŭ tiuj, kiuj diktatoras niajn landojn!

Fakte krimoj naŭzas min, kaj naŭzas min, ke tre malgranda grupo da homoj, se oni povas nomi ilin homoj, prenas sur sin la rajton devigi ĵus edziĝintojn forlasi siajn edzinon kaj infanojn por ĉiam. Tio estas krimo, kaj kulpas tiuj, kiuj mem ne kuraĝas eliri kaj riski siajn vivojn. Kiel oni nomas ilin? Malkuraĝuloj, ĉu ne? Sed se oni ne kuraĝas mem eliri esperante mortigi kiom eble plej multe da homoj, kiuj neniam ofendis onin, kial oni do devigas aliajn homojn fari tiun malpuran krimon? Tio ja ne estas la faro de ĝentilulo, aŭ ĉu vi kredas ke vi estos rekompencita per enirbileto al la Ĉielo? Ne forgesu, ke ekzistas alia loko por tiuj, kiuj krimas!

Mi proponas, ke ni ĉiuj, se ni vere estas tiom kuraĝaj, kiom oni diras, ke ni ĉiuj rifuzu fari tiun teruran krimon. Ke ni ne sopiru al medaloj ktp. Se tiuj kompatinduloj, kiuj marŝas al la morto en fremda lando, havu medalon, kial ni ne disdonas medalojn al niaj motorbiciklantaj krimuloj en niaj urboj. Almenaŭ ili tre ŝatas siajn krimojn, la plej multaj soldatoj malamas militon. Tutmonda paco estas akirebla kiam ni ĉiuj, la normalaj homoj inter ni, rifuzos preni parton en la krimado, ĉiuj en la tuta mondo, tiam niaj regantoj, pardonu, diktaturantoj, mem devus eliri kaj krimi. Mi dubas ĉu ili kuraĝas fari tion. Estas multe pli facile ordoni aliajn, kiuj ne ekzakte adoras krimi, faru tiujn krimojn, ĉu ne? *Bob Felby*



# "Malgrava historieto pri mia vivo" Bob Felby

## Ĉapitro 13 Mi fariĝas ankaŭ ĉerkoportisto. Tria ero



Hejmen irante al la stacio, ni eniris "*Kongens have*", t.e. "la Ĝardeno de la reĝo", granda kaj belega parko. La vivo estis bona, eĉ bonega !

Kiam ni fine estis hejme estis tempo por prepari sin por la nokta laboro. Eble mi estis iomete laca dum la nokto, sed mi ne estis stulta, kaj mi povis ja dormi tuj kiam mi ree estos hejme, se ne estos iuj entombigoj.

Niaj du knaboj estis ĉiam bone vestitaj, kaj ni benis la tagon, kiam ni revenis Danujen !

Oni devas ĉiam preti helpi unu la alian, ĉu ne ? Ofte venis novaj noktogardistoj, kaj ankaŭ mi devis de tempo al tempo kunpreni kun mi unu el ili. Mi akompanis lin la tutan nokton instruante lin kiom eble plej bone kaj konscience. Iam eĉ pastro volis lerni. Evidente ankaŭ pastroj ne povas perlabori sufiĉe da mono.

Mi laborigis lin la tutan nokton, kaj ni ambaŭ estis tre lacegaj. Ni pasigis iom tro longan tempon en iu banko, ĉar tie ni povis kafumi kaj ripozi. Tial subite mi devis diri, ke nun ni devas plirapidiĝi, ĉar ni devas ankoraŭ fari du rondojn en la tombejo. “Kion vi diris ?” li elkriis, “ĉu ni vere devos iri en la tombejon en la mezo de la nokto ?” “Jes”, mi diris, “estas tre belege en la tombejo, vi ŝatos ĝin !”

“Neniam”, li diris. “Estas mortintoj tie, mi ne kuniros !” “Do, atendu min ekstere, sed ne forgesu, ke mi devos tion raporti al niaj estroj !”

Li do kuniris. Estis mallume, kaj unu el la pneŭoj de lia mopedo truiĝis. Nu, kion fari ? Li havis nenian ideon, ĉar li estis filo de iu riĉulo, kaj li tute ne sciis ion ajn praktikan. Li estis pastro nur ĉar tio estis la plej facila laboro, kiun li povis elekti. Divenu do, kiu fine riparis lian mopedon. Nur mi kunportis kun mi la necesajn riparilojn, la pastro ne.

Li silente kuniris kun mi tra la tombejo, sed preskaŭ svenis pro timo, kiam li vidis la blankan japaninon en la oficejo de la inspektoro. Strange, eĉ strangege, ĉu ne ?

Mi demandis lin, kiel li povas stari kaj babiladi super mortintoj en la kapeloj, se li estas tiom timema. Li respondis, ke estas tute alia afero en la taglumo, kaj fakte mi devis konfesi, ke mi samopinias !

La postan vesperon la pastro ne revenis. Unu nokto kiel noktogardisto sufiĉis al li !

Estis tre amuze. Mi prigardis ankaŭ la kotonŝpinejon en Valby. Kiam la posttagmeza skipo iris hejmen je la 23-a horo, mi staris ĉe la elirejo, per kiu mi ĵus eniris, kaj priserĉis la mansakojn de la laboristinoj. Evidente iliaj dungintoj, la riĉegaj sinjoroj altaj, suspektis, ke la kompatindaj laboristinoj ŝtelas kotonon. Sed ĉiu saĝulo scias ja, ke lano superas kotonon, kaj por laboristo lano ne estas tro multekosta. Mi do enrigardis la mansakon, rigardis la kotonon, diris “dankon !” kaj la sinjorino fermis sian mansakon, kaj mi diris “bonan nokton !”

*Daŭrigota* *BobFelby*





**3ZZZ** .. En la elsendo de la 30a de aprilo eblas aŭdi la duan parton de la intervjuo de Heidi Goes rilate ŝian libron pri la historio de la Esperanto-movado en Indonezio kaj ekscii pri la multaj rabatoj haveblaj al turistoj en Ĉeĥio por malkovri tiun belan landon.

Informas la kunvokanto, Franciska Toubale"







# La Ondo de Esperanto La Ondo, majo 2018

Karaj bahaaj esperantistoj

Ĉu okaze de vizito al mia suda landego fare de la prezidento de Francio por *merci*-i pri kunaj militsukcesoj antaŭ unu jarcento aŭ por komerci interalie pri novaj submarŝipoj fabrikataj en la belle France 'LA ONDO DE ESPERANTO' (2018, no 5) http://esperanto-ondo.ru/Aktualaj/Ondoteko.php aperas hodiaŭ en la etero, eĉ en fora Aŭstralio? Ne, temas nur pri koincido kiu karambolas koincide kun la influo de Ĉinujo en la Sud-okcidenta Pacifiko-regiono.

http://www.news.com.au/national/breaking-news/macron-attends-anzac-service-in-sydney/news-story/23cc8f4dd8bcae60d681ac5cacd20d9f

Kiel ajn, la nuna 'La Ondo' enhavas kelkajn frazojn en kiuj bahaanoj rolas, kiel ekzemple:

Gratulojn kaj dankojn al Anneke ĉar "ŝi faris filmeton, kiun partoprenantoj" de la unua Esperanta Festivalo de Literaturo spektis en Tainan, Tajvano, la 20an de Marto.

Raporto aperas pri la kvina kongreso en Irano, 12-13an de Aprilo en Tehrano

Kvankam bahaaj esperantistoj kongresis en Bekasi okaze de la dua Trilanda Kongreso iliaj vizaĝoj mankas sur La Ondo-fotografaĵo. Eble nia BELa (Bahaa Esperanto-Ligo) estrarano Bradley fotis?

http://aea.esperanto.org.au/dua-trilanda-kongreso-2018/?lang=eo

Parolante pri niaj diligentaj estaranoj: La Ondo ĵus aperigis anoncon pri la morto de Jean Amouroux (1937-2018) kun kiu Bernhard kunlaboris por aperigi en 2008 'Por ke la tagoj de la Homaro estu pli lumaj'. https://retbutiko.net/ero/lidip

Rekomendo verkita de tiu ĉi amatoro en kiu mi sugestas ke la nomo de nia karmemora Lidia Zamenhof aperu en onta eldono de 'Nia diligenta kolegaro' ankaŭ aperis

http://esperanto-ondo.ru/Knigi/Kniga120.htm

http://sezonoj.ru/2018/02/ndk-4/ VIDU MULTAJN KOMENTOJN FAVORE AL LIDIA

Pardonon gekaraj! Tempo mankas por poluri ĉi ĉion ĉar nun mi ŝvitas super artikolo pri Domano (Adib Taherdazeh) kaj ties Esperantisto-frato Habib



Bahaame *Paulo Desailly*

